20 — a JARO JULIO — DECEMBRO 1929 N. 7 — 12

# Brazila Esperantisto

OFICIALA ORGANO DE

BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

**Societo de publika utileco, laŭ registara dekreto N. 4356, 26 Oktobro 1921**

Respondeca redaktoro (redactor principal) s-ro Carlos Domingues

REDAKCIO — Praça 15 de Novembro, 101

RIO DE JANEIRO — BRAZILO



BUDAPEST. — Grupo de partoprenintoj en la 21a Universala Kongreso de Esperanto.

# BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

(Liga Esperantista Brasileira)

B. L. E.

*(Reconhecida de Utilidade Publica pelo Decreto n. 4356, de 26 de Outubro de 1921)*

Unuiĝo Kreas Forton

## ESTRARO de B. L. E.

*Honora prez.* — D-ro Everardo Backheuser
*Hon. vic-prez.* — D-ro Venancio da Silva
*Prezidanto* — Inĝ. A. Couto Fernandes
*Vicprezidanto* — D-ro Carlos Domingues
*Generala sek.* — Inĝ. L. Porto Carreiro Neto
1ª. *sek.* — S-ro Odillo Pinto
2ª. *sek.* — F-ino Yrany Baggi de Araujo
*Kasisto* — S-ro E. Felix Tribouillet

---

## GRUPOJ ALIĜINTAJ AL "B. L. E"

1. BRAZILA KLUBO "ESPERANTO". (1906) Sidejo: *Praça 15 de Novembro,* 101, *Rio de Janeiro.*

2. VIRINA KLUBO, (1912) Sidejo: *Praça 15 de Novembro* 101, *Rio de Janeiro.*

3. GRUPO ESPERANTISTA "COUTO FERNANDES". (1914). Sidejo: *Rua Collares Moreira,* 116. *S. Luiz do Maranhão.*

4. NOVA SAMIDEANARO. (1919). *Tristão Gonçalves,* 55. *Fortaleza. Ceará.*

5. ESPERANTISTA RONDETO "VERDA STELO". (1919). *São Bonifacio. Correio de Therezopolis, Sta. Catharina.*

6. VERDA STELARO. (1920). *Rua Marquez de Caxias,* 538. *Pelotas. Rio Grande do Sul.*

7. GREMIO ESPERANTISTA EVERARDO BACKHEUSER. (1923). *Sete Setembro,* 116-1°, *Porto Alegre. Rio Grande do Sul.*

8. BRAZILA KLUBO ESPERANTISTA DE MEDICINO-STUDENTOJ. (1924) *Fakultato de Medicino. Praia Vermelha. Rio de Janeiro.*

9. POPULARA ASOCIO ESPERANTISTA. (1924). *Rua S. Amaro* 56 *A. Casa* 12. *São Paulo.*

10. SUD-BRAZILA ESPERANTISTIGILO". (1927). Sidejo: *Rua dos Andradas,* 1431. *Porto Alegre. Rio Grande do Sul.*

11. MONTARA ESPERANTO-KLUBO. (1927). *Grão Mogol,* 197. *Bello Horizonte. Minas Geraes.*

12. SERVIÇO DE ESTATISTICA GERAL DO ESTADO DE MINAS GERAES. (1929). *Secretaria da Agricultura. B. Horizonte. Minas Geraes.*

# ESPERANTA GAZETARO

BALKANA LABORISTO. Monata gazeto de la proletaj esperantistoj en Bulgarujo. Red. kaj Adm.: *Shar Pianina* 56 *Sofio, Bulgarujo.* Abonpago 30 Iv.

FLANDRA ESPERANTISTO. Monata revuo. Organo de la Flandra Esperanto-Movado. Redaktoro kaj Administranto: Jan Van Schoor. *Julius De Geyterstraat,* 149/I, *Antwerpen. Belgujo.* Jarabono: 3 belgoj.

ĈAE. Bulteno de Ĉehoslovaka Asocio Esperantista. Redakcio: R. Bloch, Praha I., Na Perŝtyné 11. Ĝi aperas 4-6 foje dum jaro. Jarabono: 2.50 Fsv.

LA FORMOSO. Organo de Taihoku-Esperanto-Societo. Reapero. Adr.: *Taihoku Oimaĉu ĉo. Taihoku. Formoso.*

LA KOMERCO. Oficiala Bulteno de Komercista Esperanto-Unio. Centra Oficejo: *Dresden Radebeul,* Friedrich-Auguststr. 4. Filioj kaj agentoj en 16 landoj. Ĝi aperas laŭbezone. Ĉiu numero kostas RM. 0,25.

HINDA ESPERANTISTO. Ligilo de la geesperantistoj en Hindujo Red. kaj Adm.: Liem Tiong Hie. *Karangtoeri* 66, *Semarang, Java.*

LITOVA ESPERANTO-REVUO. Monata sendependa revuo. Adreso: *Kaunas, Darbininky* 16. *Litovujo.*

LINGVO INTERNACIA. Oficiala organo de "Helena Esperanto-Asocio". Adm. kaj Direkcio: D-ro An. Stamatiadis. *Str. Rodou* 21. *Ateno. Grekujo.* Jarabono: 1 Usona dolaro.

LA LERNANTO. Monata aldono al Sennaciulo. Redaktejo: 14, *av. de Corbéra, Paris XII e. Francujo.*

---

# KORESPONDADO

S-RO LEON HEUBERT, 99 *Rue Hyacinthe Menagé, Sotteville — les-Rouen,* (Seine Inferieure), *Francujo,* diziras korespondi kun brazilanoj pri ĉiuj temoj.

S-RO Z. Shashkina, *Moskvo,* 57 *Bul. Smolenski Zooteehniĉ. Institut. Rusujo,* deziras korespondi per P. I., P. M. (senstampaj), ĵurnaloj.

S-RO PASTRO K. M. KOLOLAŜKIN, Poŝtejo: *Volovo — Livenskoje, Orlóvskoj gub, Lomigori, Rusujo,* deziras interŝangi P. I. kun loĝantoj en Rio de Janeiro.

S-RO M. KAUAKIŜI, *Enamimaĉi, Toĵamken, Japanujo,* deziras korespondi pri literaturo, kinematografo, dramo kaj interŝanĝi il. poŝtkartojn.

# BRAZILA ESPERANTISTO



OFICIALA ORGANO
de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

20 - a Jaro — Numero 7 - 12

Aliĝo al B. L. E. 5$000
Eksterlande Sv. fr. 4

Julio - Decembro 1929

REDAKCIO — Praça 15 Novembro, 101
RIO DE JANEIRO — BRAZILO


## SALUTO AL ZAMENHOF



D-ro L. L. Zamenhof

En koroj la niaj neniam vi mortos!
Pri vi la memoron plej karan ni portos
Tra l'mondo. Ju pli de la Temp' batalata,
Des pli via verko de ni koramata!
La vojon vi montris kun saĝo, sen timo.
Saluton, ho Majstro, de mia animo!
Plej fortan kuraĝon vi montris al ni,
Laboron plej brilan, kun ferenergi',
Vi faris ĝis morto, kaj vi ne laciĝis!
Fort' via mistera ja ne malgrandiĝis,
Talento la via briladis senlime,
Batalon por paco vi tenis sentime.

.....................................

Sed, kial la flamo de Dio ne mortis
En brusto de l'Majstro? Ĉar Amon li portis!
La forto ĉiela de l' kor' estas Am':
Eterno fariĝas per Ama la flam'!

I. Gomes Braga

(*Poezio legita de la aŭtoro en la festo memoriga de la 70*a *datraveno de la naskiĝo de Zamenhof*).

## INTERŜTATA KAJ INTERNACIA LERNEJA INTERŜANĜADO

*Ĉisube ni tradukas kelkajn punktojn de la regularo pri la Interŝtata kaj Internacia Lerneja Interŝanĝado, ĵus kreita en nia lando, kiel parto de la dekreto reforminta la Publikan Instruado-Departementon de nia ĉefurbo. Tiu fakto estas tre interesa al ni, esperantistoj, ĉar Esperanto vere kontribuus, praktike kaj plej konvene, al la interkompreniĝado de la lernejanoj malsamnaciaj. Jen kelkaj paragrafoj:*

*"La interŝanĝado estos farata per la intersendado de naciaj dokumentoj pri la vivo de ĉiu popolo, folkloraj legendoj, foto-albumoj, gravuraĵoj, marŝarioj, karakterizaj muzikaĵoj, historiaj dokumentoj, filmoj, diapozitivoj, moneroj kaj poŝtmarkoj, kaj unuvorte ĉio, kio povos prezenti la nacian individuecon kaj plifirmigi la idealon de la homa solidareco.*

*"Estos ankaŭ sendataj kaj akceptataj ĉiaj manlaboraĵoj: memkreitaj desegnaĵoj, rakontoj, priskribaĵoj, leteroj, revuoj de la anoj de la lernejoj unuagradaj, metiaj kaj normalaj, kaj same la produktaĵoj de la diversaj laborejoj de la metiaj lernejoj, montrantaj la lertecon, la guston kaj la aktivecon de iliaj anoj.*

*"Estos unu el ĝiaj celoj la interŝanĝado, kun la fremdaj landoj, de beletristikaj produktaĵoj kaj didaktikaj verkoj de la plej bonaj naciaj verkistoj.*

*"La interŝanĝado devas okazi ĉiam inter anoj de samspecaj lernejoj.*

*"Estos organizataj, en la lernejoj, sub la patroneco de alilandaj nomoj, malgrandaj ambasadorejoj, kun la tasko fari la servon de la internacia interŝanĝado kaj krei la historian muzeon de la lernejo".*

*La kursoj de Esperanto por infanoj profitu tiun okazon; tio havigos al ili duoblan rezultaton, ĉar ili trovos korespondantojn kaj forte helpos nian movadon. Junaj samideanoj, turnu vin al nia sidejo, por pli detalaj informoj. Samideanoj tutmondaj, gratulu nian Instruo-Departamenton pro la starigo de tiel grava servo.*



OS GOVERNOS E O ESPERANTO

*Os representantes officiaes de governos e ministerios junto ao Congresso de Budapest apresentaram a seguinte moção que foi unanimemente approvada:*

*"Os abaixo-assignados representantes officiaes dos governos do Brasil, Tchecoslovaquia, China e Hollanda, dos ministerios do Commercio e Trabalho da Rumania e do Principado de Liechtenstein e do Estado de Michigan, participantes do XXI.° Congresso Universal de Esperanto, realisado em Budapest, convenceram-se da praticabilidade desta lingua como idioma auxiliar neutro ao lado das linguas nacionaes nas diversas reuniões geraes, especiaes, scientificas e pedagogicas e em prelecções e a recommendam á attenção dos seus e de todos os demais governos e ministerios."*



## ĈU NOVA STILO DE POEZIO?

Mi havas la honoron prezenti al mia samideanaro du sonetojn, kiujn mi verkis intence en ritmo "ne laŭpieda", tio estas, kiu ne sekvas la ordinaran regulon de la Esperanta poezio, inspirita en la latina kaj greka formoj. Mi ne asertas, ke mia verko estas io nova; sed, mi konfesas, ke mi neniam vidis Esperantan poeziaĵon en ritmo alia ol la "pieda". Ĉu estas iam faritaj provoj, kiuj, ne bone akceptitaj, ne plu kuraĝis aperi? Pri tio mi tute ne scias. Ŝajnas prefere, ke ia rutino en tiu afero malpermesas al niaj poetoj fari stilon "kontraŭan" al la uzado.

Al miaj oreloj de latinido ne sonas malbone la metrikon de la poezioj franca, portugala, hispana, itala kaj aliaj; oni rimarku, ke la menciitaj idiomoj estas idoj de la latina. La poezio estas arto, kaj havas nur unu devon: ĝi devas agrable aspekti. Tiu aspekto estas afero de sento interna; stilo ne povas blinde sekvi la "uzadon". En la poeziaĵoj de Esperanto aperas, almenaŭ al la oreloj de la latinidoj, kelkaj strangaĵoj; ekzemple, la artikolo "la" inter la substantivo kaj la adjektivo, aŭ eĉ ĝia rediro (antaŭ kaj inter la du vortoj), anstataŭ ĝia "natura" pozicio: nur antaŭe. Ni akceptas tion sen peno. La anstataŭigo de la "o", finaĵo de la substantivoj, per apostrofo, estas pure arbitra.

Ekzistas neniu leĝo ordonanta la formon de la Esperanta poezio; nenio, do, malhelpas, ke ni faru versojn laŭ la latinida modelo, kiu ne estas malpli bela, ol la antikva. Mi esperas, ke miaj sonetoj ne eĥos malagrable ĉe la oreloj de la bonaj stilistoj de nia internacia Parnaso.



## LA DU MARĈOJ

Dio, venu al mi anĝelo via
Por preni min el marĉo la malpura!
Baraktas hom' en stato plej terura,
Kreita de li mem, per mano sia!

Sangelverŝado kaj malam' pasia
Certe ne fontas el deven' natura!
Preferinda la naŭza marĉ' nekura,
Kun svarmanta putrad' kaj vivo fia!

Ho, se venos l'anĝel', li tuj detruos
La marĉon homan, kaj mirakle fluos
El koroj purigitaj amrivero!

Tamen, restu la marĉo haladzanta!
Por eterne ĝi estu bild' vivanta
De l'moralo falinta ĝis mizero!

Nov. 1929.

## VIZIO

Mi vidis vin, kaj tiel bela estis
Vi en lazura vest' el flor' de lino,
Ke mi ja kredis min antaŭ diino,
Kaj en subita ravo longe restis...

La tago — nur pro vi! — sin vante vestis
Per plej riĉaj nuancoj de karmino.
Kaj de tiu krepusk' en la sangvino
Amo venis al mi, frapis, eknestis!

Poste, koroj kunbatis... La plej ĉarma
Feliĉeco plenigis nin en varma
Tiu hela krepusko de somero...

Sed de l' tago finiĝis l' agonio...
Tiel ankaŭ momenta nur vizio
Estis por mi la amo sur la tero...

Dec. 29.

*Porto Carreiro Neto*

# ZAMENHOFA TAGO



*Grupo de la partoprenintoj en la tagmanĝo ĉe "Grande Hotel Riachuelo"*

Je la 15a de Decembro, 70-a datreveno de la naskiĝtago de D-ro L. L. Zamenhof, okazis ĉe "Grande Hotel Riachuelo", tagmanĝo honore de D-ro Carlos Domingues, kiu reprezentis la brazilan registaron, nian Ligon kaj diversajn gravajn societojn ĉe la 21a Universala Kongreso de Esperanto.

Brazilaj kaj esperantaj flagoj ornamis la hotelan salonon kaj sur la zoforma tablo bele ornamita per floroj sidis la busto de nia kara majstro.

Legis sian raporton pri la antaŭa tagmanĝo S-ro Maltez Fernandez, kiun ĉiuj aplaŭdis.

Oni aklamis raportonto S-ron Generalon Silveira Sobrinho.

D-ro Luiz Porto Carreiro Neto, ĝenerala sekretario de B. L. E., salutis D-ron Carlos Domingues, en la nomo de la brazilaj samideanoj.

Ankaŭ lin salutis en la nomoj de siaj samlandanoj la hungara esperantisto S-ro Berger Bertalan. Dankante la salutojn al li faritajn D-ro Carlos Domingues priparolis pri la koraj akceptoj, kiujn faris al li la esperantistoj de la landoj de li vizitataj, nome: Hungarujo, Aŭstrujo, Italujo, Svisujo, Francujo, Belgujo, Ĉekoslovakujo, Germanujo, kaj Portugalujo. Finante li diris salutajn vortojn al S-ro Ernest Van Steen, belga esperantisto, antaŭ kelkaj tagoj alveninta al Rio de Janeiro. S-ro Steen dankis la saluton kaj salutis ĉiujn brazilajn samideanojn.

S-ro Eustorgio Wanderley faris humorajan paroladeton, kiu ridigis ĉiujn ĉeestantojn.

S-ro A. Couto Fernandes legis telegramojn senditajn de Prof. Agache kaj D-roj Backheuser kaj Mello e Souza, kiuj ne povis ĉeesti la tagmanĝon.

Fine S-ro Ismael Gomes Braga faris la honoran saluton al la memoro de Zamenhof.

Ĉeestis la tagmanĝon, krom la menciitaj esperantistoj, la jenaj personoj: Generalo Moreira Guimarães, inĝ João Pinto Pessoa, D-ro Lindolpho Xavier, D-ro Carlos G. Bittencourt kaj edzino, S-ino Dulce Porto Carreiro, S-ino Rackel Bessa, f-inoj Esther Bloomfield kaj Irany Baggi de Araujo, D-ro Natalicio de Farias, D-ro Heitor Beltrão, S-ino Filinha Rolla Braga, D-ro Paulo Pires Brandão, inĝ. Arthur Napoleão Gomes P. da Silva, S-roj Edmundo Felix Tribouillet, Guilherme Azambuja Neves kaj Odillo Pinto kaj D-ro Venancio da Silva.

Diversaj ĵurnaloj priparolis pri la tagmanĝo kaj "O Globo" aperigis la portreton de Zamenhof.

## D-ro Carlos Domingues

Revenis al sia patrujo D-ro Carlos Domingues, vicprezidanto de B. L. E.- kaj prezidanto de Brazila Klubo "Esperanto", kiu ĉeestis la Universalan Kongreson, okazintan en Budapest, kiel reprezentanto de la Brazila Registaro, de Brazila Ligo Esperantista kaj de la jenaj gravaj Asocioj: Societo de Geografio, Komerca Asocio de Rio de Janeiro, Federacio de la Brazilaj Komercaj Asocioj, Federacio de Brazilaj Skoltoj, Klubo de Inĝenieroj kaj Instituto de Kontoscienco.

La gravaj gazetoj "Jornal do Brasil", el Rio de Janeiro, kaj "O Diario", el Recife, publikigis longan intervjuon, en kiu la brazila delegito elmontris sian plenan kontentigon kaj entuziasmon ne nur pri la kongreso, sed ankaŭ pri la bona akcepto, kiun faris al li la hungaroj. La hungara ĵurnalo "Brasiliai Magyar Ujság", kies ĉefredaktoro kaj direktoro estas S-ro Fischer Andor, ankaŭ aperigis intervjuon kun D-ro Carlos Domingues, en kiu li insiste priparolis pri la koraj interrilatoj inter la hungaroj kaj brazilanoj.

"Jornal do Brasil" aperigis ankaŭ la portreton de D-ro C. Domingues kaj fotografaĵon de grupo de kongresanoj. "A Patria" kaj "O Jornal" publikigis detalajn informojn pri la kongreso kaj fotografaĵon. "Jornal do Commercio", "O Paiz", "O Globo" kaj aliaj ankaŭ publikigis informojn pri la reveno de D-ro Carlos Domingues kaj liaj agoj dum la kongreso.

D-ro Carlos Domingues prezentis al D-ro Vianna do Castello, Ministro de Internaj Aferoj, detalan raporton pri la kongresaj laboroj, kiu estas publikigita en "Diario Official", registara oficiala organo, kaj transkribita en "Jornal do Commercio", la plej grava ĵurnalo en Brazilo.

Kune kun s-ro A. Couto Fernandes, prezidanto de B. L. E., li estas aŭdience akceptita de D-ro Octavio Mangabeira, Ministro de Eksterlandaj Aferoj, al kiu li prezentis kopion de tiu raporto kaj dankan leteron. La direktoroj de Brazila Ligo renovigis al S-ro Ministro sian dankon pro la morala apogo kaj monhelpo de li donitaj al la brazila delegito. D-ro O. Mangabeira, kiu estas delonge simpatia al Esperanto, tre interesiĝis pri la kongreso kaj ankaŭ pri la progresoj de Esperanto en la tuta mondo.

La hungara ministro, S-ro Albert Haydin de Ipolynyek, akceptis ĉe la hungara legacio D-ron Carlos Domingues, kun kiu li longe interparolis. D-ro C. Domingues, kiu estas akompanata de S-ro Berger Bertalan, hungara esperantisto, sciigis al la ministro ke li intencas verki artikolojn pri siaj impresoj kaj fari paroladon pri Hungarujo ĉe la Societo de Geografio, kies ĝenerala Sekretario li estas.

La hungara ministro montriĝis tre kontenta pro tiu sciigo kaj promesis ĉeesti la paroladon. Dum la interparoladon li deklaris ke, laŭ sia opinio, Esperanto multe povos fari por la alproksimiĝo de la popoloj.

---

## 22-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN OXFORD.

### 2—9. Aŭgusto 1930.

### BULTENO 1.

*Prezidanto de la Kongreso*: Bernard E. Long, B. A.

*Vic-prezidanto de la Kongreso*: Profesoro W. E. Collinson, M. A., Ph., P.

*Loka Kongresa Komitato*: Prezidanto Robert Robertson.

Kasisto: Paul Blaise.

Sekretario: C. C. Goldsmith, F. C. I.

Komitatanoj: S-ino M. L. Blaise, F. B. Bourdillon, M. A.; J. Brennan, R. East, W. A. Gething, J. Merchant, L. N. Newell, F-ino V. C. Nixon, B. A., W. J. Rayson, K. R. C. Sturmer, F. E. Wadham.

*Adreso por leteroj.* Sekretario, 22-a Kongreso de Esperanto, 142 High Holborn, *London W. C.* 1.

*Aliĝiloj.* Pere de la ĉefaj gazetoj kaj de la Naciaj Societoj. Ili jam haveblaj rekte de la kongresa oficejo.

*Kotizo.* Por ĉiu kongresano senescepte: 20 ŝilingoj britaj = proksimume 20 germ. or-markoj, 25 svis. fr., 12 nederl. guld., 5 uson. dol. Oportuna maniero, sendi la kotizon, estas per brita ŝtatbileto de 1 funto („currency note, one pound"); havebla ĉe bankoj en multaj urboj, kaj sendota per registrita (rekomendita) letero antaŭ la 1-a de julio 1930. *Post tiu dato la kotizo estos* 30/-.

## INTERCAMBIO ESCOLAR

A educação e instrucção do espirito pelo intercambio directo entre os estudiosos é um systema incontestavelmente optimo. Em nosso paiz esse systema vem tomando larga pratica e ha pouco foi criado um serviço de intercambio escolar para os Estados da União entre si e entre o Brasil e o estrangeiro, por decreto que reforma a Instrucção Publica do Districto. Diz esse decreto que "o intercambio será feito pela permuta de documentação nacional sobre a vida de cada povo, lendas do *folk-lore*, albuns photographicos, gravuras, canções regionaes e populares, hymnos, marchas, musicas caracteristicas, documentos historicos, films, diapositivos, moedas e sellos...", e que se effectuará "permuta, com os paizes estrangeiros, de producções literarias e obras didacticas dos melhores autores nacionaes." Esse serviço ficará ao cargo da Secretaria Geral do Correio Escolar, onde se dará destino a toda a correspondencia.

Ao falar em intercambio internacional, vem logo á mente a questão do idioma, que interpretará o pensamento dos correspondentes. Como se fará a permuta sobre a vida de cada povo; como se farão sentir ao correspondente, que fale lingua diversa, as canções regionaes e populares, hymnos, etc.; como se farão ler os documentos historicos; etc.? As marchas e as musicas em geral falam por si, porquanto a musica, como arte que é, constitue por si mesma uma linguagem internacional. Mas, essa mesma musica perde cincoenta por cento do seu valor se é uma canção regional, cujos versos são tão indispensaveis como o pentagramma. Dir-se-á que essas canções só ficam bem no idioma materno, no seu linguajar proprio, pois nellas se verteu a alma espontanea do povo pela linguagem espontanea do berço.

Se formos, porém, rigoristas nesse ponto de vista, estará morta a arte das letras, pois nem mesmo ao ler o original, o individuo que fale idioma diverso sente *in totum* o prazer intellectual que encontra numa obra nacional; e diremos até que, ao ler obra escripta na sua lingua materna, elle só sentirá prazer proximamente perfeito, se puder *viver* o ambiente da obra, adaptal-o ao seu meio e interpretal-o no seu espirito. Entretanto, é preciso conhecer a literatura dos outros povos, o que torna necessario conhecer certos idiomas, filhos eleitos da humanidade. Mas, estabelecer a preferencia de meia duzia de idiomas para o intercambio entre jovens, quando se procura fazer a sua approximação intellectual; pretender nivelal-os em conhecimentos reciprocos pela imposição primordial de linguas muita vez extranhas a um e a outro; julgamos que não cabe na intenção dos nossos dirigentes. Fazer um menino brasileiro aprender, digamos, francez, inglez ou allemão — após quantos annos? — para se dirigir a um collega japonez, que não fala nenhuma dessas linguas, — é tarefa que nos tempos actuaes está deslocada ante o progresso geral. Ella, porém, não seria levada a effeito, por inexequivel.

Se a permuta não é directa, mas ha para isso um serviço de interpretes, — cessou de facto o intercambio. Se, para a simples troca de sellos ou moedas, ha um como que registro de nomes e endereços, e os meninos apenas sabem que tal ou tal sello veiu deste ou daquelle paiz, enviado não sabe por quem, — então são dous mudos diante um do outro: nada feito, portanto.

Ora, "a compreensão dos deveres da cordealidade", a que allude o referido decreto, entre os alumnos de escolas, só pode ser feita pela conversa directa, e até diz o adagio "falando é que a gente se entende". Como quer o serviço de intercambio que as crianças se entendam, se não falam ou se falam em lingua extranha á outra? Impossivel é tambem que estudem primeiro qualquer idioma estrangeiro para entrar em communicação com o collega que fale ou conheça esse idioma. Quando elle acabar de aprender de modo a poder redigir, terá sahido da escola e estará cuidando do ganha-pão diario: o intercambio intellectual fica para melhores tempos.

Não ha, portanto, como escapar deste raciocinio: é impossivel o intercambio sem contacto directo; é irrealizavel esse contacto sem o conhecimento duma lingua commum aos correspondentes; é inexequivel a aprendizagem de qualquer idioma nacional estrangeiro, a não ser após muitos annos, para a habilitação em materia de correspondencia intellectual.

Como resolver a questão? E' imprescindivel a adopção dum meio neutro, facil e pratico de correspondencia internacional. Essa lingua afastaria a eleição de uns tantos idiomas julgados superiores aos demais, o que sempre choca áquelle que teve de estudal-o para escrever nelle, fazendo-o com medo de errar, ao passo que o seu collega escreve á vontade, no seu idioma; facil, seria assimilada em poucas semanas; pratica, pela sua divulgação em todo o mundo.

Esse idioma existe: é o Esperanto, que não pertence a nenhum povo; facil, accessivel a todas as intelligencias; conhecido e praticado em todos os paizes cultos. O Esperanto apresenta já uma larga experiencia de mais de quarenta annos, contando uma enorme e bellissima literatura de todas as nações. A sua divulgação em todos os meios e em todas as classes é um facto assignalado na chronica diaria. Os periodicos esperantistas nos chegam sempre trazendo noticias de cursos de Esperanto funccionando nos liceus, nas escolas publicas e profissionaes de varios paizes. Os congressos, os convenios, as reuniões internacionaes de toda a natureza — não esperantistas, já se vê — adoptam agora o Esperanto como o unico interprete dos discursos, e muitos destes já são feitos directamente no idioma auxiliar.

O Esperanto tem uma fé de officio apresentavel, pois nella só se encontram conquistas por toda a parte.

Adopte o serviço de intercambio, ora sabiamente criado em nossa Capital, o bello idioma de Zamenhof, pratico, facil, conhecido universalmente, e verá que esse é o caminho da cultura que projecta inocular no espirito dos nossos homens de amanhã. Pois o Esperanto não foi criado sinão para este fim: para que os povos se approximem por meio da linguagem, mas duma linguagem que lhes fale não só ao cerebro, como tambem ao coração.

---

## STRATO ZAMENHOF

La loĝantoj de tiu strato sendis al S-ro Antonio Prado Junior, ĉefurbestro de Rio de Janeiro, skribpeton por plibonigo de ĝia pavimo.

Komitato de B. L. E., konsistanta el S-roj A. Couto Fernandes, D-ro Luiz Porto Carreiro Neto kaj Guilherme Azambuja Neves vizitis la ĉefurbestron por fari similan peton.

# 21° CONGRESSO UNIVERSAL DE ESPERANTO

Realizou-se nos primeiros dias de Agosto do anno findo, em Budapest, o 21° Congresso Universal de Esperanto, ao qual adheriram mais de 1.200 esperantistas de toda parte do mundo, tendo sido alguns delles hospedes officiaes da cidade. Muitos governos fizeram-se representar, entre os quaes o do Brasil, por intermedio do presidente do "Brazila Klubo Esperanto", Dr. Carlos Domingues, que tambem foi em nome da Sociedade de Geographia do Rio de Janeiro, Federação dos Escoteiros do Brasil, Instituto de Contabilidade, Club de Engenharia e Associação Commercial do Rio de Janeiro.

O delegado do Brasil foi acclamado um dos vice-presidentes effectivos, juntamente com o principe Carlos da Suecia e com representantes da Allemanha, China, França, Grã-Bretanha, Japão e Tchecoslovaquia.

No dia 2 os congressistas se reuniram para travar conhecimentos mutuos e se reencontrarem os velhos amigos. Nesse mesmo dia, a gazeta "Magyarásàg" publicou uma pagina inteira em Esperanto, o que se repetiu até o final do Congresso, a exemplo do que fizeram os jornaes de Dantzig e Antuerpia, onde se realizaram respectivamente o 19° e 20° Congressos Universaes.

O primeiro dia effectivo do congresso foi o dia 3, com a abertura da 5ª Universidade de Verão, no grande salão da Academia de Musica, pelo Dr. Jorge Lukács, ex-ministro da instrucção publica e patrono mór do Congresso. A presidencia da Universidade de Verão foi dada ao Professor Kiss. A primeira prelecção desse curso, que é feito exclusivamente em Esperanto, foi a do Prof. Canuto, da Italia, sobre "A historia da medicina legal".

Nos dias subsequentes realizaram-se prelecções sobre diversos assumptos feitas por especialistas de diversos paizes.

A sessão de abertura teve logar no bello palacio Vigadó, a cuja entrada 25 escoteiros, empunhando pequenas bandeiras hungaras e esperantistas, formavam filas até a mesa da presidencia.

O presidente, Sr. Mihalik, saudou o delegado oficial do Governo hungaro, Barão Kazy, o qual agradeceu e enalteceu as qualidade do Esperanto, como factor de paz e instrumento de literatura. Igualmente saudou o congresso o vice-prefeito de Budapest, Dr. Berczell.

Exprimiu pessoalmente as saudações de seu ministerio o sr. Barão Solai, ministro dos Correios. Seguiram-se outros discursos, inclusive os dos delegados officiaes dos 23 paizes representados.

Domingo, 4, inaugurou-se na Academia de Musica o estandarte da Sociedade Hungara de Esperanto. Dahi, foram os congressistas ao palacio do Congresso, assistir a inauguração duma placa á memoria do Conde Stefante Széchengi, considerado "o maior hungaro", batalhador do Esperanto junto á Academia Hungara de Sciencias Nesse mesmo dia foi eleita a "Miss Esperanto", na pessoa da senhorinha Veronica Eksta, de Tallinn, (Letonia), por occasião do grande baile de costumes nacionaes.

A cidade de Budapest offereceu aos membros do Congresso uma brilhante recepção, que se realizou no luxuoso hotel-palacio Szent-Gellert.

Em nome do governo e do povo da capital hungara falou o sr. conselheiro Purebl.

Excursões, sessões de trabalho com assumptos geraes sobre o movimento de propaganda, reuniões de especialistas, um baile, concerto de musicas nacionaes, representações theatraes, completaram o programma do congresso, que se encerrou a 9, presidido pelo sr. Merchant.

Diversos jornaes do Rio de Janeiro publicaram noticias sobre o congresso e publicaram telegrammas os seguintes: "O Jornal", "A Noite", "Correio do Brasil" e "Jornal do Brasil".

---

# UMA VIAGEM COM O ESPERANTO

Ha quem subordine a utilidade do Esperanto á sua completa generalização e affirme, portanto, que só valerá a pena estudal-o "quando toda a gente o soubér".

Pondo de parte o circulo vicioso que essa affirmação contém, pois que, se cada pessôa esperasse que todas as outras adoptassem um dado meio de communicação (seja o telephone ou o Esperanto) para só então o empregar tambem, impossivel seria o progresso, quero apenas assignalar que as vantagens do Esperanto já são actualmente incalculaveis.

Na minha recente viagem á Europa tive opportunidade de pôr, mais uma vez, a prova os magnificos serviços que a organização do movimento esperantista offerece aos que della se querem utilizar.

Da cordialidade captivante com que fui recebido em Budapest, cidade do 21° Congresso Universal, já tenho falado repetidamente, inclusive no relatorio que, como delegado brasileiro, apresentei ao governo.

Mas, tambem, na minha ida para a Hungria e na excursão que depois fiz por alguns paizes, o Esperanto me foi um auxiliar prestimosissimo, porque me deu ensejo de achar por toda parte pessoas que me cumularam de gentilezas, que amavelmente me guiaram na visita ás suas cidades, me deram as informações de que precisei, me facilitaram os negocios de que pretendia tratar, me ajudaram nos estudos que desejava fazer.

Em Praga — o sr. Hugo Pressburg; em Vienna — os srs. Franz Schade, Rudolf Foltanek, dr. Emil Pfeffer, Alfred Klein, a senhorinha Thea Kohn; en Veneza — a dra. Carolina Minio; em Milão — o sr. Giovanni Tanzi; em Genebra — os srs. Hans Jacob e Paul Bouvier; em Paris — a senhorinha Gabrielle Gerard e os srs. André Baudet, Charles Marseille, V. Polgar, Houbart, padre Ramboux; em Colonia — os srs. Gernsbacher e o sr. Teo Jung; em Berlim — os srs. Adolf Münz, drs. Julius Glück, Siegfried Liebeck, Robert Fulda, Behrendt, Schwarz; em Hamburgo — os srs. Bünnemann e Kropp; em Antuerpia — a familia Rakower e os srs. Schoofs, Vermandere e Faes; no Havre — o sr. Gasse;

em Lisboa — o sr. Saldanha Carreira, são "samideanoj" a quem devo um grande agradecimento.

Existem, é facto, muitas organizações de caracter internacional, cujos membros acolhem dedicadamente os seus confrades estranjeiros. Mas as associações esperantistas têm, a mais do que aquellas organizações, a unidade de lingua.

Existem, outrosim, muitas empresas de viagens que tomam o turista a domicilio e o levam aqui e ali, sem mais preoccupações, e o trazem a casa novamente, depois de o terem feito seguir o programma prescripto, de que se não pódem afastar. Commodo, sem duvida. Mas o viajante esperantista tem, em relação a esse turista, a superioridade de frequentar directamente o povo e estudar-lhe o espirito. O esperantista não se isola nos hoteis, iguaes por toda parte, e não perde a sua independencia para ver sómente o que lhe é imposto. Não precisa abdicar de suas preferencias e nem é coagido a realizar passeios standardizados.

Recordo-me das palavras que ouvi de um dos "samideanoj" que acima citei — o dr. Fulda. Dizia-me elle que, na phase presente do esperantismo, ha um encanto especial em se ser esperantista, porque, quem usa o idioma de Zamenhof póde em qualquer parte do mundo approximar-se de outro esperantista e esperar acolhimento amigo. O Esperanto é um elo espiritual. Que outra lingua daria a quem a empregasse privilegio identico ?

No dia em que o Esperanto fôr a lingua de toda gente, desapparecerá talvez esse aspecto affectivo dos primeiros tempos.

E' esse o unico argumento ponderavel que seria licito oppor á propagação do idioma neutro. De tal argumento, porém, ainda se não valeram os actuaes esperantistas, unicos que teriam direito de formulal-o com inteira razão.

C. D.

## PAROLANTAJ FILMOJ

S-ro Medeiros e Albuquerque proponis ĉe la Literatura Akademio ke tiu ĉi sin turnu al la Ĉefurba Konsilantaro petante pri rimedoj por malhelpi la montron de fremdlingvaj parolantaj filmoj. Tiu propono estas aprobita kaj tuj poste S-ro Floriano Goes, urbo konsilanto, prezentis projekton kiu plialtigas la impostojn de kinematografejoj, kiuj montros fremdlingvajn filmojn.

La usonaj parolantaj filmoj ne havis bonan akcepton de la brazila publiko kaj nun estas montrataj nur muzikitajn filmojn kaj iafoje kun kelkaj kantoj.

En la ĉefaj gazetoj aperis diversaj artikoloj pri tiu afero.

S-ro Silva Ramos, akademiano, en artikolo aperinta en "Diario da Noite", priparolas pri Esperanto kaj rememorigas ke Medeiros e Albuquerque estas unu el la pioniroj de la propagando de Esperanto en Brazilo.

S-ro Arthur Guimarães, en longa artikolo aperinta en "Jornal do Commercio" sub la titolo "La evoluo de la Kinematografo", diris la jenon: "Du teruraj baroj restadas — la tradukoj ĉiulingven, kion la anglo-saksiĝo penas por malfruigi, kaj la sukceso de fiksota universala lingvo.

Ĉu Esperanto aŭ Volapück aŭ alia artefarita lingvo alportos la deziratan solvon ? Ĉu la nova sistemo fari antaŭ la komenco de l'montro resumon en la lingvoj de la landoj, kie la filmoj estas montrataj, kontentigos la publikon?"

Tuj kiam ni legis tiun ĉi artikolon ni sendis al S-ro Arthur Guimarães diversajn esperantaĵojn, kiuj certe influis sur la verkadon de lia dua kaj lasta artikolo, en kiu li diras la jenon: "Kial la filmfaristoj ne sin turnas al la solvo de l'problemo de la lingvo elektota por la parolantaj filmoj, serĉante disfaligi la lingvan baron?

Tamen, oni diras, la afero jam estas diskutata kaj oni komencas studi la eblecon alpreni Esperanton por la ekrano. Kial oni ne instruas Esperanton en la lernejoj krom la nacia lingvo de ĉiu lando?"

El artikolo verkita de S-ro Octavio Werneck kaj aperinta en "A Ordem" ni elĉerpis la jenon tre favoran al Esperanto:

"Koncerne la lingvon alprenotan por la sonoraj filmoj, ni pensas ke la elekto devas fali sur Esperanton, la admirindan kreitajon de la genio de Zamenhof.

Kiel sciate, tiu ĉi lingvo estas kvazaŭ plejbonaĵo de ĉiuj lingvoj parolataj en la universo kaj, tial, ĝi ne havas patrujon: ĝi apartenas al ĉiuj.

Krom tio, ĝi havas la plej grandajn facilecojn por esti lernata pro tio ke ĝi estas treege simpla kaj facile komprenebla de iu ajn intelekto.

La Ligo de Nacioj povus doni elmontron de sia vivpovo, solvante tiun problemon pere de interkonsento, kiu estos firmigata inter ĉiuj popoloj por ke Esperanto estu akceptita kiel universala lingvo.

Ĉiuj kontraktoj kaj konferencoj internaciaj estos redaktataj en tiu lingvo kaj la registaroj ĝin akceptos devige en siaj instruejoj, flanke de la nacia lingvo.

Ni pensas ke ĝi estos la sola rimedo kapabla solvi la disputon naskitan de la sonora kinematografo ne ofendante iu ajn".

# KVARA ALDONO AL UNIVERSALA VORTARO KUN PORTUGALA TRADUKO

## Oficiala listo

*abiturient'*, bacharel (em letras).
*abstin'*, abster-se.
*aksel'*, axilla, sovaco.
*aktual'*, actual.
*akvafort'*, agua forte (gravura).
*albin'*, albino.
*alen'*, sovela.
*alo'*, aloes.
*alumini'*, aluminio.
*amar'*, amargo.
*Amor'*, Amor, Cupido.
*anilin'*, anilina.
*aŭtonom'*, autonomo.
*biret'*, borla, gorra.
*bis*, bis.
*bombast'*, emphase, estylo bombastico.
*ceramik'*, ceramica.
*ĉevron'*, caibro.
*deriv'*, derivar.
*diluv'*, diluvio.
*dimensi'*, dimensão.
*dok'*, doca.
*ekzakt'*, exacto (sciencia).
*empiri'*, empirismo.
*establ'*, estabelecer (com.)
*fagot'*, fagote.
*fikci'*, ficção.
*gencian'*, genciana.
*genist'*, giesta.
*grund'*, terreno.
*ĝemel'*, gemeo.
*hegemoni'*, hegemonia.
*helic'*, helice.
*hipnot'*, somno hypnotico.
*hum'*, humus.
*imun'*, immune.
*inaŭgur'*, inaugurar.
*indeks'*, index.
*indig'*, indigo, anil.
*indiĝen'*, indigena.
*inert'*, inerte.
*inflam'*, inflamação.
*intelekt'*, intelligencia.
*intens'*, intenso, intensivo.
*inund'*, inundar.
*invers'*, inverso.
*kali'*, potassio.
*kalv'*, calvo.
*karbon'*, carbono.
*kastanjet'*, castanholas.
*kinin'*, quinino.
*klaĉ'*, fazer mexericos, falar mal.
*klor'*, chloro.
*kluk'*, cacarejar.
*knar'*, ranger.
*koincid'*, coincidir.
*kolizi'*, collidir.
*komision'*, commissão.
*kondicional'*, condicional (gram).
*konker'*, conquistar.
*konsekr'*, consagrar (red.).
*kontinu'*, continua (adj.).
*korol'*, corolla.
*kreditor'*, credor.
*kverel'*, altercar, querellar.
*lamen'*, lamina.
*lament'*, lamentar-se.
*lat'*, ripa.
*later'*, lado (geom.)
*lens'*, lente (optica).
*lob'*, lobulo.
*lord'*, lord.
*lumbrik'*, lombriga.
*medol'*, tutano, medulla, miolo.
*merkat'*, mercado.
*munt'*, montar (apparelho).
*murd'*, asassinar.
*narkot'*, narcotizar.
*nas'*, nassa.
*natri'*, sodio.
*oksid'*, oxydo.
*oleandr'*, loendro.
*orbit'*, orbita.
*panel'*, painel
*paŝtel'*, pastel.
*patrici'*, patricio (nobre romano).
*pedagog'*, pedagogo.
*pedagogi'*, pedagogia.
*pelerin'*, pelerine.
*pioĉ'*, alvião.
*pivot'*, "pivot".
*plag'*, praga, calamidade.
*plantag'*, tanchagem.
*plastik'*, plastica.
*pleb'*, plebe.
*plur'aj*, muitos, varios.
*plural'*, plural.
*podi'*, coreto.
*provok'*, provocar, desafiar.
*redukt'*, reduzir (mat., chim.)
*regent'*, regente.
*rezist'*, resistir.
*sacerdot'*, sacerdote.

*sekur'*, seguro (sem risco).
*skem'*, schema.
*solvent'*, solvavel.
*splen'*, "spleen".
*stamen'*, estame.
*stipendi'*, estipendio.
*subvenci'*, subvenção.
*ŝpat'*, pá (de cavar).
*trafik'*, trafego.
*uzur'*, usura.
*valid'*, valido.
*var'*, mercadoria.
*viz'*, visto.
*volumen'*, volume (gem.)
*zefir'*, zephyro.

*Portugala traduko de A. Couto Fernandes.*

## LA GAZETTE DU BRÉSIL

Tiu ĉi semajna gazeto, aperanta en Parizo, kiel organo de la brazilanoj loĝantaj en Eŭropo, publikigis du detalajn notojn pri la ago de la delegito de l'Brazila Registaro ĉe la 21 a Universala Kongreso de Esperanto.

Ĝia direktoro estas S-ro Marcel Muscat d'Orsay, kiu antaŭ nelonge vizitis nian ĉefurbon.

La adreso de tiu gazeto, al kiu B. L. E. tre kore dankas, estas la jena: 190, Boulevard Haussemann, Paris (8e).

## BRAZILA KLUBO "ESPERANTO"

La 28 an de Junio okazis ĝenerala kunsido de tiu klubo por balotado de ĝiaj novaj estraro kaj konsilantaro, kiuj konsistas nun el la jenaj personoj: Prez., D-ro Carlos Domingues; viprez., D-ro Luiz Porto Carreiro Neto; unua sek., F-ino Esther Bloomfield; dua sek.; F-ino Yrany Baggi de Araujo; unua kasisto, S-ro Ismael Gomes Braga; dua kasisto, S-ro Ernesto Araujo Familiar. Konsilantoj: F-ino Maria Luiza Bocayuva, D-roj Venancio da Silva kaj J. B. Mello e Souza, generalo J. Silveira Sobrinho, komandanto Pedro Manot Sarrat, inĝenieroj H. Motta Mendes kaj Theobaldo Recife, S-roj E. Felix Tribouillet, Odillo Pinto kaj Raymundo Cantão.

Dum la forestado de D-ro Carlos Domingues, de la 30 de Junio ĝis la 26 a de Oktobro, okupis la oficon de prezidanto D-ro Luiz Porto Carreiro Neto.

Funkciis kurso ĉe la sidejo de la klubo direktata de F-ino Esther Bloomfield, unua sekretariino.

## BRAZILA KRONIKO

PARAHYBA — *Parahyba* — Pro grava malsano, kiu lin atakis, S-ro Oseas Silveira estas devigita interrompi sian kurson de Esperanto ĉe la *Komerca Akademio Epitacio Pessôa*. Ni esperas ricevi la agrablan sciigon pri lia kompleta resaniĝo.

PERNAMBUCO — *Recife* — "Diario da Manhã" aperigis intervjuon kun D-ro Carlos Domingues, okaze de lia reveno al Brazilo, en kiu li montras siajn impresojn pri la Universala Kongreso de Esperanto, kiun li ĉeestis kiel registara delegito. Ĝi publikigis ankaŭ artikolon pri tiu kongreso kaj la portreton de D-ro C. Domingues.

*Floresta.* "Floresta Jornal" aperigis artikolon titolitan "Iom pri Esperanto", kiu finiĝas per la jena varma saluto de la konata esperantisto S-ro Sebastião de Albuquerque al tiu urbo: "Floresta dos Leões, urbo bela kaj amata, mi vin salutas kore! Mi vin amas, Floresta dos Leões, ĉar vi subhavas sub via tero tre amatan kaj ploratan fratinon mian, kiun mi nomis Panjo en mia infaneco, kaj kiun la Morto ŝtelis al la Vivo sed ne ŝtelis al mia amo.

Mi vin amas, Floresta dos Leões, ĉar vi, kiel sankta relikvujo, karese gvardas ĉe via simpla kaj flora mortintejo la restaĵon de mia fratino la plej amata.

Kun saŭdada larmo ĉe la okuloj kaj kun la koro je ploro mi vin salutas kore, Floresta dos Leões, urbo bela kaj amata!"

ŜTATO RIO — *Petropolis* — Mortis filo de kolonelo João Duarte da Silveira, kiu dum multaj jaroj propagandis Esperanton en tiu bela urbo. Alia filo de kolonelo Silveira estas nomata Samideano.

Al nia malnova samideano kaj lia familio ni sendas korajn kondolencojn.

*Nova Iguassú* — "Correio da Lavoura" publikigis artikolon titolitan "O Esperanto".

*Carangola* — Pasigante en tiu urbo kelkajn tagojn la fervora esperantisto S-ro Ismael Gomes Braga varbis la konatan poeton, S-ro Kruger Mattos, kiu vere entuziasmiĝis pri la kreitaĵo de Zamenhof.

S-ro Braga, kiu intencas baldaŭ fari paroladon pri Esperanto en tiu urbo, havis oka-

zon viziti S-ron profesoron Raphael Nogueira, kiu en 1924 aliĝis al B. L. E., kiam li loĝis en Miracema.

*Miracema.* Trairante tiun urbon S-ro Ismael Gomes Braga vizitis S-inon Cornelia de Souza Andrade, kun kiu li longe interparoladis. Ŝi neniam antaŭe estis aŭdinta Esperanton, tamen S-ro Braga konstatis ke ŝia elparolado estas sufiĉe bona.

S-ino Cornelia de Andrade, kiu aliĝis al B. L. E. en la jaro 1927, estas delegitino de U. E. A.

S. PAULO — *S. Paulo* — "O Estado de São Paulo" kaj "Correio Paulistano" publikigis telegramojn pri la Universala Kongreso de Esperanto.

Estas nun delegito de U. E. A. en tiu ŝtato la malnova kaj kompetenta esperantisto S-ro Hary Petersen, kiu direktas kurson ĉe "Deutsche Evangelisches Schule".

S-ro João Vianna, sekretario de MEK., kiu lin vizitis dum sia ĉeestado en São Paulo, sciigis nin ke li intencas fari viglan propagandon en la tuta Ŝtato. Pri tio S-ro Petersen skribis longan leteron al D-ro Carlos Domingues, ĉefdelegito de U. E. A. en Brazilo.

Forestinte kelke da tempo estas nun en S. Paulo S-ro Castorino Gomes de Carvalho, kiu intencas reorganizi la lokan grupon.

Ni estas certaj ke, se ĉiuj veraj esperantistoj loĝantaj en tiu ĉefurbo kune laboros, nia afero bone progresos tie rapide.

S. CATHARINA — *Florianopolis* — Jen estas la estraro de "Gimnazio Esperantista Rondeto", fondita la lan de Majo lasta ĉe *Gymnasio Catharinense*: Honora prez. — Pastro Luiz Gonzaga Froener, prez. — S-ro Egon Schaden, viprez. — S-ro Paulo de Almeida Machado. La du lastaj okupas respektive la oficojn de unua kaj dua sekretarioj. Ni esperas ke la rondeto aliĝos al B. L. E.

S-ro Paulo Machado sciigis nin ke li pasigos la libertempon en sia naskiĝa urbo, Araxá, kie li laboros por nia afero, ĉar "super Araxá la verda stelo ankaŭ devas brili".

RIO GRANDE DO SUL — *Porto Alegre* — S-ro Benjamin Camozato, prezidanto de Sud-Brazila Esperantistigilo" daŭrigas la publikigon de artikoloj sub la titolo "Radio Esperanto" en la radiorevuo "Radio para todos" (Radio por ĉiuj).

*Pelotas* — Ni ricevis leteron de la laborema esperantistino F-ino Antoninha Barum, per kiu ni eksciis ke ŝi estis grave malsana. El resaniĝinte ŝi intencas veki la dormantan grupon "Verda Stelo", kies nomo ni ne povas paroli ne memorante la nomon de la fervora esperantisto D-ro José Pedro Franz, kiun la Morto forrabis de ni.

Aliĝis al B. L. E. S-ro Arthur Pereira dos Santos.

MINAS GERAES — *Bello Horizonte* — Je la la de Julio okazis kunveno de "Montara Esperanto-Klubo" sub la prezido de S-ro Archimedes Pinto Coelho. Paroladis pri la genia Zamenhof S-ro Manoel Tavares. F-ino Maria Angelica Alves Pereira legis interesan poresperantan verkaĵon.

Je la 8a de Julio kunvenis denove la anoj de MEK sub la prezido de S-ro João Vianna. Oni decidis festi la duan datrevenon de l' fondo de la klubo je la 17a de Julio per solena kunsido, publikigo de poresperantaj artikoloj en la ĵurnaloj kaj Semajno de Esperanta Libro.

Legis rakonton de li verkitan S-ro João Guimarães Rosa kaj poezion S-ro João Vianna.

— La 28 an de Julio, ĉe la luksa salono de "Academia do Commercio de Minas Geraes", okazis la solena kunsido, dum kiu paroladis S-roj Ary Theodolindo kaj João Vianna. Tiu ĉi sciigis la ĉeestantaron pri la sukceso de la *Semajno de Esperanto*, dum kiu en montrejo de la Librejo Oliveira Costa & Comp. estas ekspoziciita granda kvanto da esperantaj libroj.

Estas aklamita bonfarinta ano de l' klubo S-ro Tito Novaes.

— "Estado de Minas" publikigis longan intervjuon kun S-ro João Vianna, en kiu li informas ke la klubo enhavas 94 geanojn kaj sukcesis publikigi en ĵurnaloj pli ol 180 artikolojn pri Esperanto.

Tiu ĵurnalo ankaŭ publikigis dum la *Semajno de Esperanto* artikolon de S-ro Manoel Tavares.

"Minas Geraes" aperigis artikolon de S-ro Ary Theodolindo pri "La parolanta Filmo", serion da interesaj artikoloj verkitaj de S-ro João Guimarães Rosa kaj sciigon pri la parolado farita de D-ro Backheuser en Rio de Janeiro.

— "Folha do Norte Mineira" publikigis artikolon titolitan "Esperanto, la lingvo de la Paco".

— La filmentrepreno Gomes Nogueira preparis filmpeceton, kiu estas aldonata al ĉiu filmo montrita. Ĝi enhavas la jenajn vortojn en portugala lingvo: "Lernu Esperanton. Oni sciigas al la vizitantoj de tiu ĉi kinematografejo, ke Metro Goldwin Meyer kaj aliaj filmfarejoj intencas fari parolantajn filmojn en Esperanto k. c.".

— Laŭ sciigo de D-ro Teixeira de Freitas, direktoro de la Ĝenerala *Statistikservo de Ŝtato Minas Geeraes,* lia esperantsekretario, S-ro João Guimarães Rosa, prilaboras esperantan tradukon de la tre konata verko "Actualidade Mineira", de D-ro Afranio de Carvalho. Brave!

— Aliĝis al B. L. E. F-inoj Marianna Gomes de Padua kaj Libania Ribeiro, instruistinoj ĉe "Perfektiĝa Lernejo" kaj S-ro Jayme Padua.

— *Dores de Indayá.* S-ro A. Couto Fernandes, subdirektoro de la Nacia Telegrafo, ricevis de D-ro José Soares de Carvalho, malnova esperantisto, salutan telegramon en Esperanto, okaze de la inaŭguro de la loka telegrafa stacio.

RIO DE JANEIRO — Je la 26a de Januaro antaŭ granda ĉeestantaro kaj sub la aŭspicioj de la Societo de Geografio, D-ro Everardo Backheuser, profesoro de la Universitato de Rio de Janeiro kaj honora prezidanto de B. L. E., faris belegan paroladon pri la "Kultura influo de la komunikiloj".

Ĝin prezidis profesoro Lindolpho Xavier, vicprezidanto de la Societo de Geografio kaj de la fama instruejo "Instituto La-Fayette", kiu diris laŭdajn vortojn pri D-ro Backheuser, al kiu li donis la parolon.

Tiu ĉi dum unu horo paroladis pri ĉiuj komunikiloj de la unuatempaj ĝis la lastaj homaj elpensaĵoj. Fine parolinte pri la sonoraj filmoj li diris ke li estas tute konvenkita ke "al la kulta mondo, al la popolo kiu vere deziras intime kontaktiĝi kun aliaj popoloj estas hodiaŭ nepre necesa la uzado de Esperanto, kiel sola internacia lingvo".

D-ro Backheuser estas varme aplaŭdita. Ĉeestis la paroladon multaj publikaj instruistinoj.

— "Jornal do Commercio", sub la titolo "Brazilo ĉe la Universala Kongreso de Esperanto", publikigis longan artikolon el Parizo de sia korespondanto S-ro Elyseu da Fonseca Montarroyos, membro de la Intelekta Komisiono ĉe la Ligo de Nacioj, kiu ĝin finis per la jenaj vortoj:

"Mi ne volas fini tiun ĉi artikolon ne farinte alvokon al la brazilaj esperantistoj. Dank' al la ŝatateco, kiun ili ĝuas, ili povos sukcesi ke unu el la proksimaj Universalaj Kongresoj de Esperanto okazu en Rio de Janeiro.

Tio estas sendube servo farita al nia lando — ankoraŭ tre malbone konata eksterlande — se ili donos al la internacia kelplingvo tiel bonegan okazon disŝuti ĉien verajn informojn pri la belaĵoj kaj nekoneblaj energioj de nia Brazilo".

La estraro de B. L. E. jam pensis pri tio kaj jam donis la unuajn paŝojn al tiu celo. Tamen ĝi devis prokrasti la aferon ĝis pli konvena okazo.

— Dum la monato Julio S-ro Ismael Gomes Braga malfermis, ĉe strato José Vicente 88a, kurson de Esperanto por ok geknaboj 4-10 jaraj. Nur unu estas dekjara. Li tute ne uzas librojn: nur bildon, nigran tabulon kaj babiladon. Bedaŭrinde li estas devigita interrompi la kurson pro vojaĝo, kiun li faris dum du monatoj. Tamen tiam li interkorespondis kun la okjara knabineto, Gisa Magalhães, la plej progresema el siaj gelernantoj. Ŝi skribas pli korekte en Esperanto ol en la portugala lingvo, kvankam ŝi vizitadas la elementan lernejon de preskaŭ du jaroj.

Unu el la lernantoj de S-ro Ismael estas lia sesjara fileto, Lauro Zamenhof, kiu antaŭ nelonge vizitis nian sidejon kaj aliĝis al B. L. E.

— Dum la semajno dediĉita al la propagando por la "Domo de l'Studento" B. L. E. sendis multajn librojn, kiu estas venditaj por la kaso al tiu celo starigita.

—S-ro A. Couto Fernandes daŭrigis sian kurson ĉe la Federacio de Brazilaj Skoltoj, kun la ĉeesto de multaj skoltinstruistoj.

— Multaj artikoloĵ kaj notoj pri Esperanto aperis en la jenaj ĵurnaloj: *Jornal do Commercio, O Globo, O Jornal, O Paiz, Jornal do Brasil, A Noite, A Patria, Gazeta de Noticias, Diario da Noite, Correio da Manhã, A Batalha* kaj *A Voz*.

La revuo "Medicamenta", sub la titolo "Medicina e Esperanto", publikigis la impresojn de Prof. Odo Bujwid pri la brazila saneco.

# PELO ESTRANGEIRO

O ESPERANTO NO APOIO OFFICIAL DOS GOVERNOS

Convidado o ministro dos correios da Polonia, sr. Boerner, para o 21° Congresso Universal de Esperanto, realizado em Budapest, s. ex. respondeu em Esperanto, assim como a igual convite feito em Esperanto pelo inspector geral dos correios, sr. Zoldy. O sr. Boerner ordenou que todas as cartas que viessem redigidas em Esperanto, endereçadas áquella repartição, fossem respondidas tambem na lingua internacional; recommendou tambem que o "Diario Official" publicasse artigos sobre o Esperanto ao serviço dos correios internacionaes.

Por occasião da Exposição Geral da Polonia a administração dos correios procurou, por circular expedida pelo telegrapho, funccionarios que soubessem o Esperanto para ficarem de serviço na repartição, que se achava no terreno da exposição. Apresentou-se para isso o sr. Prabucki, chefe de secção em Miloslaw, o qual no seu posto teve occasião de interessar muitas pessoas pelo Esperanto. Após esse successo, o pessoal dos correios se interessou vivamente pela lingua auxiliar, e o orgão official "Poczta" começou a publicar um curso de Esperanto e noticias do movimento, com traducções de artigos, etc.

Aproveitando sua passagem por Vienna, de caminho a Budapest, muitos esperantistas, que iam participar do 21° Congresso Universal, se reuniram na capital da Austria, onde houve logar a inauguração do Museu Internacional de Esperanto. Nesse museu, em edificio construido em local cedido pelo governo austriaco, se guardam todas as publicações que dizem respeito ao Esperanto. A inauguração foi feita pelo presidente da Austria, sr. Miklás, que proferiu seu discurso em allemão; a phrase final, porém, que declarava inaugurado o museu, o presidente disse-a em Esperanto.

O conselho municipal de Graz (Stiria) resolveu incluir o Esperanto no programma de todas as escolas publicas. Mais de 300 alumnos immediatamente se inscreveram, sendo divididos em cinco classes dirigidas pelo inspector escolar sr. Storm e por professoras.

Todos os annos o governo da Grecia renova o decreto que autoriza o ensino do Esperanto nos gymnasios e institutos de professores primarios de Athenas e do Pireu. Sabendo, este anno, que existem em outras cidades do paiz pessoas capazes de ensinar o Esperanto, o governo permittiu o estudo da lingua internacional igualmente nessas cidades.

O director geral dos correios, telegraphos e telephones da Rumania approvou a inclusão do Esperanto na escola official dos seus funccionarios.

Fizeram exames officiaes de Esperanto na Austria, no periodo de 1925-1928, 90 pessoas, sendo 67 homens e 23 senhoras, para professores de Esperanto, e 34 (21 homens e 13 senhoras), apenas para mostrar conhecimento da lingua. Entre essas pessoas contavam-se professores publicos, juristas, officiaes, estudantes, padres, etc.

O "Volkerziehung", orgão official do ministerio da Instrucção da Austria, informa, entre outras resoluções, que o Esperanto será materia facultativa nas escolas medias, ao lado do francez, italiano, latim e grego. O mesmo ministerio ha muito favorece o movimento esperantista, pois desde 1917 mantem na Escola Technica Superior de Vienna um leitorado de Esperanto.

O ESPERANTO NO TURISMO

Na Suecia o Esperanto adquire fortes adhesões, tendo sido ultimamente decretada, por determinação do parlamento, uma subvenção annual ao movimento esperantista e abertos cursos officiaes da lingua auxiliar para professores. No primeiro desses cursos, a cargo do sr. Morariu, da Rumania, que usou um methodo semelhante ao de Berlitz, para linguas vivas, inscreveram-se mais de 400 professores de escolas publicas. De ha pouco tempo começou uma série de viagens de turismo entre a Suecia e a Estonia, de accordo com a Associação Estoniana de Navegação, com 50 % de abatimento para os turistas esperantistas. Durante o verão proximo passado mais de 200 turistas suecos visitaram a Estonia nas suas férias, usando necessariamente o Esperanto.Em alguns restaurantes os turistas encontraram até "garçons" que falavam a lingua internacional.

O sr. Malmgren, de Stockholmo, propoz ao ministro da Instrucção da Estonia um serviço de correspondencia em Esperanto entre os alumnos das escolas publicas da Suecia e da Estonia. Essa proposta recebeu a melhor acolhida e logo as correspondencias se iniciaram. Aproveitando as amizades que fizeram, os correspondentes, que tinham apenas alguns mezes de conhecimento do Esperanto, trocaram entre si visitas nos dous paizes.

O ESPERANTO ENTRE OS ESCOTEIROS

Na cidade de Guatemala foi organizado um curso de Esperanto para escoteiros, no qual se inscreveram 50 alumnos. O organizador desse curso foi o sr. J. Machado, que estudou Esperanto por correspondencia num curso da Associação Argentina de Esperanto. Esta associação mantem cursos no Perú, Bolivia, Equador, Costa-Rica e Porto-Rico. Em Guatemala mesma estudam o Esperanto nesse curso varias pessoas eminentes.

O ESPERANTO NAS FEIRAS INTERNACIONAES

Na feira de Reichenberg, realizada de 17 a 23 de agosto deste anno, foi empregado o Esperanto com grande successo. Bem á vista se ostentavam duas grandes taboas de 3 x 2 metros com o texto em allemão referente ao Esperanto. Nas salas, enormes cartazes diziam: "O commerciante moderno emprega o Esperanto", etc. Funccionou durante todo o tempo uma barraca esperantista, onde se podiam obter informações e fazer negocios por intermedio da lingua internacional.

O ESPERANTO ENTRE OS PROFESSORES

A grande União Pangermanica de Professores, que conta mais de 150.000 membros, em seu congresso annual, realizado este anno em Dresden, approvou uma moção, para que sejam apoiados todos os esforços no sentido de propagar a idéa da lingua auxiliar nos circulos pedagogicos.

Realizou-se em Genebra, Suissa, de 25 de Julho a 4 de Agosto p. p., o 3° Congresso da Federação Universal de Associações Pedagogicas, sob o alto patrocinio do Conselho Federal Suisso. As conferencias das varias sessões de trabalho, cujo assumpto foi o

mais diverso, tendo, porém, o ponto de vista internacional, foram traduzidas, duas, para o allemão e para o inglez; todas as outras foram vertidas para o Esperanto. Esse certamen deu occasião a que os congressistas entrassem em relações mais estreitas com a vida da Secretaria da Liga das Nações, da Repartição Internacional do Trabalho e das Grandes Associações Internacionaes.

O ESPERANTO E O PROBLEMA DA PAZ

A Associação Allemã da Paz, em reunião de Setembro p. p., reconheceu unanimemente que o Esperanto é instrumento poderoso de pacificação dos povos, e recommendou aos seus membros o uso desse idioma internacional.

O ESPERANTO E OS STENOGRAPHOS

A Sociedade Nacional Italiana de Stenographos, com séde em Napoles, mantem cursos de Esperanto para os seus associados. Graças aos seus esforços, o proximo Congresso Internacional de Stenographia, a realizar-se em 1930, empregará o Esperanto como lingua internacional official.

O ESPERANTO E O CINEMA

Durante o congresso da Associação Norte-americana de Esperanto, realizado em Nova-York, em Julho passado, a "Paramount Famous Lasky Corporation" filmou, em fita falada, o sr. Henry Hetzel, presidente da Associação Norte-americana de Esperanto, e a sra. Coomette, num dialogo de tres minutos. A iniciativa foi tomada pela propria companhia.

A pedido da "Metro-Goldwyn Mayer Co." o sr. Parrish, secretario nacional de UEA, fez ligeira descripção do Esperanto; a companhia tenciona exhibir esse film principalmente nos Estados Unidos e nos paizes de lingua ingleza.

A gazeta hungara "Keleti Ujság", que se edita na cidade de Chy, na Transilvania, publicou uma entrevista com o conhecido director de *films* de Holywood, dr. Ludwig Berger, então em viagem pela Europa.

O dr. Berger externou suas opiniões sobre diversos problemas da industria de *films* e especialmente sobre os *films* falados. A esse respeito assim se manifestou: "Penso que o *film* falado internacional só será uma realidade quando sua lingua fôr o Esperanto."

Depois de Clarence Brown e Fred. Niblo é o dr. Berger a terceira autoridade em industrias de *films* que confessa que o Esperanto é necessario para o *film* falado.

P. C. N.

—⊙—

## BIBLIOGRAFIO

Ni ricevis kaj tre dankas:

ESPERANTO — PAROLADOJ faritaj de D-ro L. L. Zamenhof ĉe la malfermo de universalaj kongresoj de Esperanto 1905-1912. Kun enkonduko pri programo kaj deveno de l'Esperantisto, akompananta germana traduko kaj rimarkoj. Eldonis D-ro Emil Pfeffer, gazetara gvidanto de Aŭstria Esperanto-Delegitaro. Tagblatt Biblioteko, Steyrermühl-Eldonejo. VIENO I, WOLIZEILE 20. *Aŭstrujo*. Prezo: Gmk. 1.20.

DUDEKA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO (Antwerpen 3-11 Aŭgusto 1928). Oficiala dokumentaro esperantista. Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado 12, *Boulevard du Théâtre*. *Genève* (*Svislando*). Ĝi konsistas el du partoj kaj aldono. I. Protokolo, Financa Raporto kaj Statistikoj. II. Raportaro de la oficialaj Institucioj al la 20a Universala Kongreso de Esperanto. *Aldono*. 4a Somera Universitato en Esperanto.

OFICIALA BULTENO DE LA ESPERANTISTA AKADEMIO. Kajero I. Junio 1929. Esperantista Lingva Komitato kaj Akademio. La *Bulteno* aperas ĉiufoje, kiam la Akademio havas ian oficialaĵon por konigi. Ĝi estos ankaŭ sendata al la ne-Lingva-Komitatanoj, kiuj, dezirante ricevi ĝin tuj je ĝia apero, sendos ĉiujare sumon de almenaŭ 5 svisaj frankoj, enskribitan kiel donacon al la Lingvaj Institucioj.

BAHAISMO KAJ POLITIKO. La ŝtata idealo laŭ la instruoj de Bahá'u'llah. De D-ro Ernst Kliemke, iama prezidanto de la Germana Esperanto-Asocio. *Bahaa Esperanto-Eldonejo Wandsbek* (*Germanujo*) Poŝtfako 8.

MIGRANTA PLUMO. (Teatraĵoj, noveletoj, poemoj). Julio Baghy. Eldono de "Hungarlanda Esperanto Societo" kaj Ludoviko Kókai, IV., *Kamermayer Károly — U 3 Budapest*. *Hungarujo*. Prezo: $0,60. Luksa eldono $0,90.

TEOZOFIO KAJ ĜIA DOKTRINO. Eldonis "Teozofia Esperanta Ligo", kiu estas fondita en la jaro 1911 kun la celo: 1. Konigi Esperanton al Teozofoj. 2. Konigi Teozofion al Esperantistoj. 3. Uzadi Esperanton kiel internacian lingvon de la Teozofia Societo. Ĝia oficiala organo estas "Espero Teozofia". Ligokotizo estas 1 sv. fr. sendota al internacia sekretario S-ino Marie Cimrova, *Praha-Sporilov* 45/22.

EVANGELIO DE SPIRITA KORPO de Okamoto-Rikiĉi. Unua volumo de "Evangelioj de Belismo". *Ĉe Bikĵo-Kjôdônôen*. *Sanojübinjoku-kunai*. *Kacurajama*. *Ŝizuoka-ken*. *Japanujo*. Prezo: 0,25 Jen.

KLASIGITA TERMINARO de Esperanto. Kompilita de Eĉeno S. Cian. Eldonita de Ŝanhaja Esperanto-Asocio. P. O. *Box* 1332, *Ŝanhajo*. Prezo: $0.20.

KATALOGO DE LIBROJ. Numero 6. Novembro 1929. Heroldo de Esperanto. Libreja Fako. *Köln Germanujo*. *Brüsseler str*. 94. La presejo de Heroldo liveras ĉiuspecajn presaĵojn por samideanoj, grupoj k. a.

SIVAĜI. Sceno el Hinduja historio de la deksepa jarcento. La verkinto Lakshmiswar Sinha, estas juna hindo kiu, vizitante Svedujon por studoj, okaze interesiĝis pri Esperanto kaj fervore komencis ĝin studi. Post apenaŭ unujara lernado li nun traveturas Svedujon farante prelegojn en Esperanto pri sia hejmlando kaj ĝia popolo tiamaniere propagandante.

LA ESENCO DE L'BAHAISMO. Verkita de D-ro Hermann Grossmann. Bahaa Esperanto-Eldonejo. *Wandsbek* (*Germanujo*) Poŝtfako 8.

WIEN. GVIDLIBRO EN ESPERANTO. 1929. Eldonejo: Aŭstria Esperantisto. *Korneuburg. Aŭstrio*. Postfach 60. Prezo 1.50 Spesmilo.

EL PROBLEMA DE UNA LENGUA AUXILIAR INTERNACIONAL Y SU SOLUCIÓN: EL ESPERANTO. Estudio linguistico presentado al Universidad de la Habana como tesis para optar al titulo de Doctor en Filosofia y Letras por Elias J. Jolius.

POEMARO EL HUNGARLANDO. (Hungaraj poetoj de la XVI a jarcento ĝis niaj tagoj.) Esperantigis: Francisko Szilá. gyi. Eldono de la "Vojda János" Literatura Societo. *Budapest. Hungarujo.*

GEMOJ DE LA HUNGARA POPOLMUZIKO. Kvin belegaj hungaraj popolkantoj (kanto kaj fortepiano) esperanttekstaj. Mendu ĉe: D-ro Julio Lukács VII., *Pillangó-utca* 13 *III. Budapest. Hungarujo.* Prezo: 2 Pengö aŭ egalvaloro.

JOHANO LA BRAVA. Memoraĵo el Hungarujo. Serio de 12 ilustritaj poŝtkartoj. Mendu ĉe D-ro Julio Lukács. Prezo: 1 Pengö aŭ egalvaloro.

VIZITU POLLANDON. Ilustrita gvidlibro eldonita de Pola Esperanto-Asocio subvenciita de la Ministerioj: de Eksterlandaj Aferoj, de Publikaj Laboroj kaj de Komunikacio. *Warszawa*. 1929. *Polujo.*

JARLIBRO DE LA LINGVA KOMITATO KAJ DE ĜIA AKADEMIO. 1929. Kolekto de Esperantista Akademio. Esperantista Centra Librejo. 51, *Rue de Clichy. Paris IX. Francujo.* Prezo: 2 fr.

KATALOGO DE ELDONEJO "ESPERANTISTA VOĈO". *S. Grenkamp. Kornfeld. Jaslo. Pollando.*

INTERNACIONALSTENOGRAFIO en ĉiuj kulturlingvoj. Aldono por la Gvidilo en Esperanto. Enkonduko kaj tri partoj de F. de Kunovski. Enkonduko reviziita de H. J. Hoen, dipl. G. E. I. Leipzig.

2-a Parto. Sveda, Dana, Nederlanda, Portugala, Rumana, Greka, Latina — reviziita de H. J. Hoen, dipl. G. E. I. Leipzig.

Eldonejo: Instituto de Internacionalstenografio. *Dvisburg Ficedenstr.* 79, *Germanujo.*

## UNIVERSALA STENOGRAFIO

La konata stenografisciencisto Felix de Kunovski en Potsdam sukcesis post jardeka laboro konstrui mallongskribon kiu sen aliigo de la sonosignoj estas uzebla por ĉiuj lingvoj kaj kiu tial nomiĝas Internacionalstenografio. Sro de Kunovski jam pretigis gvidilojn por 22 lingvoj, el kiuj ĝis nun aperis 15, nome por la esperanta, germana, angla franca, hispana, itala, pola, rusa, sveda, dana, nederlanda, portugala, rumana, greka kaj latina lingvoj. Baldaŭ aperos la gvidiloj por la serba, bulgara, ĉeĥa, ukrajna, hungara kaj japana lingvoj. Pro la internacia disvastigo, ĉiuj gvidiloj estas verkitaj en la internacia helplingvo Esperanto. En la nunaj tagoj aperis germanlingva instruilo por la „germana mallongskribo" de la Internacionalstenografio. La „Regna Asocio por Nacionalstenografio" Duisburg ( Friedenstrasse 79, batalas por la disvastigo de Internacionalstenografio.

## UNIVERSALA KOMERCA TRAFIKSERVO

**Oficejo: Wien-Vieno, I. Herrengasse 2, Aŭstrio**

Asocio por kunlaboro ĉe institucioj aŭ korporacioj celantaj vigligon de mondekonomiaj interrilatoj kaj akcelon de internacia trafiko.

La asocio informas kaj peras ĉiurilate, servas kaj esploras diskrete, korespondas germane aŭ esperante. Fakkonsilantoj-kunlaborantoj.

Postulu senpagan, nedevigan informon kaj la trafikregularon.

## As principaes conquistas mais recentes do idioma auxiliar internacional ESPERANTO

**Dados colligidos pelo Engenheiro Luiz Porto Carreiro Neto, secretario geral da B. L. E. e vice-presidente do Brazila Klubo "Esperanto"**

**Folheto de propaganda editado pela "Brazila Ligo Esperantista"**

DISTRIBUIÇÃO GRATUITA